# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

12. Jahrgang / Nr. 75 (1/1976) 30 Pf


## *Wilhelm Pieck*



Se vi vojaĝas en la Germana Demokratia Respubliko, vi ofte vidas tabuletojn, kiuj informas vin, ke kaj kiam 'ĉi tie' estis kaj parolis Wilhelm Pieck. Se vi atente legas ilin, vi miras pri la intensa aktiveco de Wilhelm Pieck, intensa aktiveco de la lastaj jaroj de la antaŭa jc. ĝis kiam li mortis, 85-jara, la 7-an de sept. 1960.

Wilhelm Pieck, la unua prezidanto de Germana Demokratia Respubliko, naskiĝis la 3-an de jan. 1876 en la urbeto Guben. Li fariĝis lignaĵisto. Jam en la jaro 1895 liaj kolegoj elektis lin en lian unuan sindikatan funkcion. Wilhelm Pieck ne nur parolis pri proleta internaciismo, sed li agis en ĝia senco. En Osnabrück, la 1-an de majo de 1895 li klopodis organizi laŭ la decido de la II-a Internacio batal-demonstracion kontraŭ la kapitalisma ekspluatado. Kiel sekvo lin lia majstro maldungis. Sed tiu ‚puno' tute ne kaŭzis la deziritan humiligon al Wilhelm Pieck. Kontraŭe, li aliĝis al la socialdemokratia partio kaj baldaŭ li troviĝis ĉe la flanko de Karl Liebknecht, Rosa Luxemburg, Franz Mehring, Clara Zetkin kaj de aliaj revoluciuloj de la germana proleta movado.

Wilhelm Pieck konsideris la lukton de la laborista klaso en Germanio parto de la internacia strebado al realigo de la historia misio de la laborista klaso. Li ĉiam klopodis interligi la internaciajn kaj naciajn taskojn por la solvo de la problemoj de la internacia proletaro.

Liaj spertoj el la praktika agado kiel partia sekretario de la urbo Bremen kaj kiel dua sekretario de la Centra Eduka Komisiono de la socialdemokratia partio en Berlino kapabligis lin, fariĝi unu el la organizantoj de la kontraŭmilita movado en Germanio post la eksplodo de la 1-a mondmilito.

Wilhelm Pieck plene subtenis la ĉefan sloganon de Karl Liebknecht: „La ĉefa malamiko troviĝas en la propra lando!" Kune kun la ĉefaj ‚maldekstruloj' li kontraŭis la soci-ŝovinisman sloganon de la dekstraj gvidantoj de la socialdemokratia partio kaj sindikatoj de la defendo de la imperiisma patrolando kaj, kontraŭ la postulo de interklasa paco, li postulis klasbatalon. Kiel unu el la fondintoj de

la Spartakus-grupo li luktis spite al arestiĝo kaj teroro por la rapida ĉesigo de la milito kaj por la fondo de nova, de la III-a Internacio.

Ekde la venko de la rusaj laboristoj kaj kamparanoj 1917 en la Granda Socialisma Oktobra Revolucio sub la gvidado de V. I. Lenin kaj la partio de la bolŝevikoj, kiuj tiel inaŭguris la epokon de transiro de l'kapitalismo al socialismo, Wilhelm Pieck senhezite kaj konsekvence troviĝis ĉe la flanko de la bolŝevikoj. Li restis fidela defendanto de Sovetunio kaj de la partio de la bolŝevikoj ĝis sia morto. Same kiel Ernst Thälmann li opiniis, ke ekde la ekzisto de la unua ŝtato de la laboristoj kaj kamparanoj en la mondo la fundamenta kriterio de la proleta internaciismo estis la sinteno al la sovetia kompartio kaj al la diktaturo de l'proletaro en Sovetunio. En tiu senco li senlace agadis en la germana kaj internacia laborista movado. Prave li diris, ke la rilatoj al Sovetunio fariĝu kor-afero de ĉiuj germanoj, ĉar li sciis, ke ankaŭ la politiko, kiel ĉiuj gravaj aferoj en la mondo, ne nur estu komprenata logike, sed krome estu sentata el tuta koro por povi kompreni ĝin en sia tuta amplekso. Kiel membro de la marksisma-leninisma Centra Komitato de la germana kompartio kaj de la Politik-buroo de la germana kompartio sub gvido de Ernst Thälmann, Wilhelm Pieck grave kontribuis al la edukado de la partianoj en la senco de la proleta internaciismo. Lia baza sinteno estis, ke la germana laborista klaso ne povas venke batali por iu demokratia aŭ socia postulo en la lukto kun la imperiismo sen plej strikte atenti la fundamentajn interesojn de la internacia laboristaro.

Dank' al la fido de la revolucia internacia laborista movado Wilhelm Pieck estis delegita en la plej altajn funkciojn de la Komunista Internacio. Tiel ties VI-a mondkongreso lin elektis en ĝian Plenum-komitaton. En la jaro 1931 li fariĝis membro de ĝia politika prezidantaro.

Speciala korafero por Wilhelm Pieck estis la praktika solidareco kun la laboristoj de ĉiuj landoj, precipe kun la batalantoj enkarcerigitaj kaj de ties familioj. Kiam en la jaro 1922 ĉe la IV-a kongreso de la Komunista Internacio estis fondita la Internacia Ruĝa Helpo, Wilhelm Pieck fariĝis membro de ĝia plenum-komitato kaj en la jaro 1937 ĝia prezidanto.

Post la liberigo de la germana popolo el sub la jugo de l' Hitler-faŝismo per la sovetia armeo kaj la popoloj alianciiĝintaj kun ĝi, Wilhelm Pieck staris en la plej antaŭa vico por eduki la germanan laboristan klason al proleta internaciismo kaj al firma amikeco por Sovetunio kiel por ĉiuj aliaj popoloj. Kiel prezidanto de la Centra Komitato de la germana kompartio kaj poste de la Socialisma Unuiĝinta Partio li kontribuis plej efike, por ke la revolucia laborista partio, unuiĝinta en aprilo 1946 el la kompartio kaj el la socialdemokratia partio ekde la komenco evoluis en la senco de la proleta internaciismo. Kiel sekretario de la partio li

plurfoje iniciatis gravajn paŝojn por ke la Socialisma Unuiĝinta Partio efike kontribuu al la unueco de la komunisma mondmovado en lukto kontraŭ imperiismo, militarismo kaj faŝismo, por paco, demokratio kaj socialismo.

La popolo de la Germana Demokratia Respubliko agadas honore al Wilhelm Pieck klopodante senlace, firme ligite al Sovetunio kaj ĉiuj socialismaj landoj, por stabila paca ordo en la mondo kaj por internaciaj rilatoj laŭ vera internacia amikeco.

| | | |
|---|---|---|
| *Wilhelm Pieck* | *prononcu:* | *Vilhelm Pik* |
| *Ernst Thälmann* | *prononcu:* | *Ernst Telman* |
| *Karl Liebknecht* | *prononcu:* | *Karl Libkneĥt* |
| *Rosa Luxemburg* | *prononcu:* | *Roza Luksemburg* |
| *Franz Mehring* | *prononcu:* | *Franc Mering* |
| *Clara Zetkin* | *prononcu:* | *Klara Cetkin* |

*kompartio: multe uzata en la laborista E-movado por „komunista partio“*

*Ludwig Schödl*

---

## *Lunaĉarski pri Esperanto*

*La 6. 12. 1975 oni festis la 100an datrevenon de la naskiĝo de la fama soveta kulturpolitikisto, artteoriisto kaj revoluciulo Anatoli Lunaĉarski. Kiel konate, la VIa SAT-Kongreso okazis 1926 en Leningrado. Lunaĉarski, popolkomisaro por klerigo kaj arto direktis al la laboristaj esperantistoj jenan mesaĝon:*

„Al la VI-a Internacia Kongreso de Laborista Esperantistaro Unuecfronta

Mi devas konfesi, ke mi mem ne parolas esperanton kaj nu sufiĉe konas la bazojn de tiu ĉi lingvo. En mi ankoraŭ vivas kelkaj aprioraj konsideroj pri tio ke dubinde per vojo de artefarita lingvo oni povas krei tiun unikan lingvon de l'internacia komunikado, kiun celas esperanto. Tiu ĉi movado vastiĝas kun nerefutebla potenco kaj transformiĝas je unu el la plej seriozaj fenomenoj de la moderna socia vivo. Oni ne povas ankaŭ nei, ke la adeptoj de esperanto, konsciante sin konduktoroj de la ekstreme progresivaj formoj de la homa interkomunikado, sentas certan peroksimecon al la granda komunista movado kaj ke inter la komunistoj iufoje tutaj organizaĵoj aliĝas al la movado esperantista.

Mi tutanime deziras al esperanto pluan pliproksimiĝon kun la avangardaj formoj de la batalo laborista kaj pluajn sukcesojn.“

*A. Lunaĉarski*
*(Fonto: Protokolo de la VI-a Kongreso de SAT, 1926 en Leningrad, Sennaciulo, ekstra numero, novembro 1926)*

# MEM-Delegitaro en Virina Kongreso

En Berlin, ĉefurbo de GDR, okazis de la 20—24a de oktobro 1975 la Mondkongreso en la Internacia Jaro de Virino.

Tiu kongreso, kiun partoprenis preskaŭ 2000 delegitoj, observantoj kaj gastoj el 141 landoj kaj de 45 internaciaj organizaĵoj estis la plej reprezenta ĝis nun forumo en la historio de la virina movado. En plenkunsidoj kaj 9 komisionoj estis abunde traktitaj la aspektoj de la ĉefa temo „Virino kaj samrajteco, evoluo, paco". La kongreso akceptis Alvokon al la virinoj de la mondo, per kiu ĝi alvokas al kunagado de ĉiuj virinoj de la mondo por paco, sekureco, samrajteco kaj progresa evoluo de la homaro".

La laboron de la kongreso ankaŭ partoprenis reprezentantoj de Mondpaca Esperantista Movado (MEM).

Estas simptomo por la kreskiĝanta internacia prestiĝo de MEM kaj ĝenerale de la Esperanto-movado, ke la reprezentantinoj tuj estis akceptitaj kun la statuso de delegitinoj (ankaŭ eblis gasto aŭ observanto). La delegitinoj estis

— *Hella Sauerbrey, Berlin (GDR), membro de la Internacia Komitato de MEM,*

— *Ingrid Schödl, Potsdam (GDR), membro de la MEM-Komitato de GDR.*

Krome dum la kongreso lerte aktivadis kiel tradukistino por la rusa lingvo la esperantistino *Rita Krips,* prezidantino de la Junulara Komisiono de Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR. Hella Sauerbrey partoprenis en la laboro de la 5a komisiono kaj tie skizis la laboron de MEM, speciale akcentante la solidarecon de MEM kun Vjetnamio kaj la kunagadon inter MEM kaj la Tutmonda Packonsilantaro. Ŝi krome atentigis pri la ekzisto de lingva problemo, kiu grave malhelpas la kunagadon de la virinoj de la mondo por realigi iliajn noblajn celojn. Hella Sauerbrey akcentis la pretecon de MEM, subteni la internacian disvastigon de la rezultoj de la kongreso. En simila senco ankaŭ Ingrid Schödl parolis en la 9a komisiono.

La du delegitinoj krome transdonis al la Kongresa Komitato mesaĝon de la prezidanto de MEM, Nikola Aleksiev, en la Esperanta originalo kun germana traduko. En la oficialaj kongresdokumentoj MEM estis korekte menciita.

Kvankam la kongreso estis bonege organizita kaj estis disponigita ampleksa tradukista aparato, la lingva problemo akre sentiĝis. En la plenkunsido oni tradukis en (resp. el) 20 lingvoj! La ĉiutagaj bultenoj aperis en la lingvoj: angla, franca, rusa, germana, hispana, araba, kaj ne ĉiam estis facile haveblaj en la dezirita lingvo. Tiuj 6 lingvoj ankaŭ funkciis en la 9 komisionoj

Pro tiu por ĉiu internacia kongreso tipa situacio la agado de la MEM-delegitaro estis tre valora, ne nur por MEM sed entute por la internacia Esperanto-movado. En multaj individuaj interparoloj la delegitinoj kla-



*De dekstre maldekstren: Hella Sauerbrey kaj Ingrid Schödl (unua vico)*
*Foto: Zentralbild*

rigis la celojn de MEM kaj de la internacia Esperanto-movado kaj atentigis ankaŭ pri la agado de UEA lige al la Internacia Jaro de la Virino. Ili parolis kun virinoj el Japanio, Hindio, Vjetnamio kaj afrikaj ŝtatoj same kiel kun delegitinoj el eŭropaj landoj kaj aliaj eminentuloj. La reprezentanto de UN, s-ro Ferrera, bone rimarkis la esperantistinon en la 9a komisiono, titolinte ŝin *„Miss Esperanto"*. Vjetnamino estis tre surprizita pri la fakto, ke la du MEM-delegitinoj tiel boninformite parolis pri vjetnama literaturo.

Valoras mencii, ke pere de la traduko el Esperanto de vjetnama novelo (Geedzoj Fu) de Hella Sauerbrey estis produktita radia scenaĵo, kiu estis disaŭdigita. „Radio GDR" ne nur la 6. 11. 1974 sendis la scenaĵon. Ĝi denove estis disaŭdigita okaze de la kongreso 1. 11. 1975, 16,05 per „Voĉo de GDR" (kp. „der esperantist" 69 (1/75) p. 9).

Ĉiukaze, la partopreno de internacia esperantista organizaĵo en tia grava kaj prestiĝa kongreso ne nur montris la progresemon de multaj esperantistoj sed ankaŭ ĝenerale utilis al la plialtigo de la prestiĝo de Esperanto.

---

**„Scienca Mondo" en Esperanto**

Ĝis nun la revuo „Scienca Mondo" – organo de la Monda Federacio de sciencistoj, aperadis en rusa, angla, franca kaj germana lingvoj. Ekde 1976 j. Ĝi komencos aperi ankaŭ en Esperanto: 4 numeroj jare, ĉiu enhavanta 32 paĝojn, formato 1/8 de 60 × 90. Abonkotizo: 1 levo, 1 rublo aŭ egalvaloro.

En la revuo oni publikiĝas sciencajn kaj popular-sciencajn artikolojn, precipe de komuna karaktero, tial ĝi estus interesa ne nur por sciencistoj-esperantistoj, sed ankaŭ por ĉiuj esperantistoj. Abono ĝis la fino de marto 1976 ĉe CLR.

# Centra Laborrondo pri faka agado

La tria kaj lasta plenkunsido de Centra Laborrondo 1975 okazis la 26. kaj 27. de oktobro 1975 en Wittenberg.

Post la diskuto kaj voĉdono de la agadplano de CLR por 1976 kaj la raportoj pri la 60a Universala Kongreso de Esperanto kaj la 31a TEJO-kongreso, CLR speciale okupiĝis pri la tasko, plialtigi la fakan nivelon de la agado de la esperantistoj de GDR. Profitante la okazon, ke s-ino *Stefania Palica* el Szczecin estis gvidinta tutsemajnan intensivan kurson por progresintoj en Altfranken (ĉe Dresden), CLR ŝin petis, raporti pri ŝiaj spertoj rilate al Esperanto-instruado kaj pri la situacio en Pollando. Ŝi tion faris en temperamenta entuziasmiga maniero.

Post enkonduko pri fakaj problemoj fare de *Detlev Blanke, d-ro Dahlenburg* en sia tre interesa prelego substrekis i. a. jenajn problemojn kaj taskojn lige al la plibonigo de la instruado de Esperanto.

- Necesas diskonigi kaj eluzi la fakton, ke Esperanto-scioj plifaciligas la lernadon de alia fremda lingvo.
- Oni devas gajni tiajn homojn kiel instruistojn por Esperanto, kiuj konscias pri la metodikaj problemoj de la fremdlingva instruado.
- Gravas organizi pli da metodikaj kaj fakaj seminarioj, ne nur centre sed ankaŭ distrikte.
- Oni nepre utiligu por la Esperanto-instruado la jam abunde ekzistantajn spertojn kaj materialojn de la instruado de fremdaj lingvoj en GDR.
- Necesas pli bone plani kaj metodike realigi la instruadon de la lingvo.
- Nepre oni devas komenci sisteman kaj altkvalitan pliklerigadon de la diversprofesiaj Esperanto-instruistoj.

Ĉiuj tiuj tezoj estis akompanataj per multaj utilaj proponoj kaj ekzemploj. Ni esperas povi pli amplekse trakti tiujn demandojn en iuj el la sekvontaj numeroj de nia revueto.

*D-ro E. D. Krause* en sia kontribuo substrekis la gravecon de terminologia laboro. Oni revivigu la Terminologian Komisionon ĉe CLR, instalu registrejon por novaj terminoj kaj kunlaboru kun samspecaj institucioj alilandaj aŭ internaciaj.

En sia interesa prelego, *d-ro P. Ruff* montris kelkajn aspektojn kaj problemojn de la aktivado inter sciencistoj. Oni povas pli bone utiligi la oficialajn eblecojn, informi en universitataj rondoj kaj aliaj sciencaj institucioj. Sed tion nepre nur faru kompetentaj homoj, ĉar alikaze oni havos kontraŭan al la deziro efikon. Multaj sciencistoj ĝenerale subtenas la ideon de IL kaj speciale la valoron de Esperanto. Sed ili nur tial iel ekaktiviĝus, se Esperanto vere prezentos iun praktikan por ilia specifa esplorkampo utilon. Kaj tiu utilo ankoraŭ nur estas tre modesta. Eble pripensinda estus starigo de forestaj fake specialigitaj kursoj por sciencistoj.

*Violin Oljanov, Sofio*

# Metodikaj demandoj de la instruado de Esperanto II

(Daŭrigo el n-ro 5/6 1975)

**4. Ne instrui kune samspecajn lingverojn!**

Kiam oni asertas, ke Esperanto estas facila, oni ĉiam devas konsideri, ke tio ne estas absolute vera. Tio estas nur relative ĝusta — se oni komparas ĝin kun aliaj lingvoj. Sed Esperanto, kiel ĉiu lingvo, estas komplika socia fenomeno, ĉar ĝi reflektas la homan penson, la rilatojn inter la homoj, la rilaton de la homo al la ĉirkaŭa medio, kiuj estas tre komplikaj aktivecoj.

Konsiderante tiun malsimplecon de la materialo, la lektoro ĉiam devas havi mezuron necesan por la regula adopto kaj ĝusta uzo de la instruata materialo. Se oni erarus en tiu mezuro, la rezulto estus intermiksiĝo de la formoj. Aparte oni devas atenti pri la samspecaj lingvaj elementoj, ekzemple pri la *demandaj vortoj*. Ili estas tre gravaj en la instruprocezo. Pro tio la nesperta kursgvidanto rapidas instrui ilin opiniante, ke tiumaniere li faciligos la pluan iron de la instruado. Sed la rapideco estas danĝera. Ĝi povas konduki al malaj rezultoj. Oni ne devas transiri al *kiu*, se oni ne estas certaj, ke la kursanoj ne nur bone komprenis la demandon *kio*, sed bone, profunde ĝin adoptis post longaj konversaciaj ekzercoj kaj povas jam facile ĝin uzi. La samo validas pri la ceteraj demandvortoj, precipe pri la adverbaj, ofte erarataj de la lernantoj. Ĉiukaze en unu duhora leciono ne estas instruendaj pli ol du demandvortoj.

Tiu principo — ne instrui tuj ĉion de unu kategorio — estas utila kaj validas preskaŭ pri ĉiuj gramatikaj kategorioj, kaj ne nur pri ili: ĝi rilatas ankaŭ al la samspecaj leksikaj grupoj. Ĝi estas des pli grava, ĉar la komencantaj E-instruistoj, tuŝante iun gramatikan kategorion aŭ leksikan grupon, prezentas ilin al la lernantoj de la komenco ĝis la fino kaj tiumaniere donas nedigesteblan porcion, kiu difektas la stomakon, t. e. la lernantoj ne povas ĝin bone memorfiksi kaj regule uzi.

En mia praktiko mi konstatis, ke estas utile instrui la personajn pronomojn en du lecionoj: unue nur *mi, ni, vi*. Ili estas plej necesaj en la konversacia laboro. Nur post ilia bona kaj senerara ellerno oni devas transiri al la ceteraj. Sammaniere estas instruendaj la nomoj de la tagoj, de la monatoj — ne per tuja deklamado, sed en konversacio dum du aŭ tri lecionoj.

---

(resto de paĝo 6)

La grupoj organizu „sciencajn“ vesperojn kaj kontribuu al la apliko de Esperanto por la scienco. El la tri ŝtupoj en la agado kun sciencistoj, 1. informi ilin pri Esperanto, 2. gajni ilin por Esperanto, 3. aktivigi ilin. La 3a estas plej malfacila. La diskuto pri fakaj problemoj ne okazis unuafoje en CLR kaj havos daŭrigojn.

Dum la kunsido krome estis fondita MEM-Komitato de GDR, al kiu elektiĝis jenaj membroj: *Rudi Graetz* (prezidanto), *Detlev Blanke* (sekretario), *Ludwig Schödl, Ingrid Schödl, Hella Sauerbrey, Helmut Fuchs, Jürgen Hamann, Erich Rödel.* D. B.

Iuj pensas: la verbotempoj en Esperanto estas tre simplaj *(as, -is, -os),* kaj oni povas tuj lerni ilin. Nenio pli erara ol tia opinio! Ni ofte renkontas esperantistojn, novajn kaj ne tute novajn, kiuj miksas tiujn formojn (dirante *-as* anstataŭ *-is*, aŭ *-is* anstataŭ *-os*). Ili eble lernis ilin kune aŭ en tre proksimaj lecionoj. Estas necesa longa ekzercado de unu formo antaŭ ol transiri al nova.

Pro la samaj kaŭzoj oni ne devas instrui kune samspecajn, proksimspecajn, aŭ simile sonantajn lingverojn. Tio aparte validas pri la afiksoj, la prepozicioj, la konjunkcioj. Do, oni ne instruu kune *-ind* kaj *-end, ec* kaj *-aĉ, dum, tra* kaj *trans, pri, per* kaj *pro, apud* kaj *ĉe* ktp.

Tre grava elemento en la instruprocezo estas *la ripetado* — konstanta, sistema, ĉiuhora, multfoja ripetado de la formoj kaj la vortoj. Ties graveco en la lingvosistemo aŭ en la metodo difinas la multoblecon de ilia ripetado.

**5. Kiel instrui la akuzativon**

La plej malfacila momento en la instruado de Esperanto al bulgaroj estas la akuzativo. La kaŭzo — ĝia manko en la bulgara lingvo. Pro tio niaj samlandanoj malfacile ĝin komprenas, malfacile atingas ĝian regulan uzadon. Aparte malfacila estas tio por homoj sen lingva kulturo, sen sufiĉaj gramatikaj konoj, sen bona kono de la gepatra lingvo.

Pro tiuj kaŭzoj ĉiu lektoro devas bone pripensi kaj ellabori sian sistemon por konigi la Esperantan akuzativon al la kursanoj.

La maniero de la instruado, kompreneble, dependas de la kultura, klereca kaj lingva nivelo de la aŭskultantaro.

Tre ofta eraro estas, ke oni komencas per akuzativo ĉe la substantivo. Plej ĝenerala kaj konata regulo estas, ke oni devas iri de konata kaj facila materialo al nekonata kaj pli komplika. Por klarigi kaj motivigi ĝisfine la regulon, oni memorigas la instruitan antaŭ tio regulon pri la Esperanta frazo (ekz. mi estas lektoro; estas mi lektoro; estas lektoro mi; mi lektoro estas; lektoro estas mi; lektoro mi estas). Laŭ tiu regulo, sen la akuzativa finaĵo „n" oni ne povas kompreni, kiu estas tuŝata. Tiamaniere la kursanoj komprenas la neceson de la akuzativo ĉe la substantivoj. Poste oni nature iras al la akuzativo ĉe la adjektivoj kaj la korelativaj pronomoj.

La akuzativo de direkto estas instruenda nur post plena certeco pri la adopto de akuzativo de rekta objekto. Tie ĉi oni konstruos la lecionon sur multaj ekzemploj, montrante paralelajn formojn de direkta akuzativo kaj adjekto (cirkonstanca komplemento): Sur la strato la advokato metis la ĉapelon sur la kapon. Kien? — sur la kapon. Kie, — sur la strato. Depende de la nivelo de la kursanoj oni povas mencii kaj kompari kun la identaj rusaj kaj germanaj formoj.

**6. Sen detaloj**

Estas kursgvidantoj, kiuj deziras diri al la kursanoj ĉion, kion ili scias. Tio estas malutila praktiko, ĉar ĝi pezigas la materialon kaj tedas la aŭskultantojn. Oni devas havi mezurilon ĉe la klarigoj ekzemple pri la deveno de iuj vortoj, aŭ ĉe komparoj kun aliaj lingvoj. Kompreneble, oni povas fari tiajn komparojn, tamen ili estus utilaj, se oni komparus kun lingvoj, kiujn ĉiuj ĉeestantoj konas.

En kurso de komencantoj oni devas prezenti la gramatikajn regulojn en plej elementa formo. Sufiĉas, se oni montrus, ke *-ist* signifas profesion, *-aj* — konkretan objekton, *-ec* — kvaliton, abtsraktan, substantivon, ke *-ig*

## Internaciaj turismaj aranĝoj 1976

**Mallongigoj:**

N: Nomo de la aranĝo
T: Temo de la aranĝo
O: Organizanto
A: Aliĝdato
K: Korespondadreso
P: Prezo
R: Rimarkoj
JA: Junulara aranĝo

**Bulgario**

1. 30. 1. – 6. 2. Pamporovo
N: **Vintra Esperanto Semajno**
OK: DK de BEA, Smoljan, Pk. 30

2. 6. 2. – 13. 2. Pamporovo
N: **Vintra Esperanto Semajno**
OK: DK de BEA, Smoljan, Pk. 30

3. 1. 6. – 30. 10. Pisanica
N. **Internaciaj Esperanto Kursoj**
OK: DK de BEA, Smoljan, Pk. 30

---

(resto de paĝo 8)

– egalas al faras, *-iĝ* – faras min ktp. Ne estas necese eĉ instrui ĉiujn afiksojn aŭ ĉiujn gramatikaĵojn, ekz. la malsimplajn verboformojn.

En la daŭriga kurso ni jam kompletigos kaj precizigos la regulojn, la signifon de la afiksoj kaj aliaj lingveroj. Tie ĉi mi ne parolas pri la tiel nomataj „novaj afiksoj", kiuj estas eterne novaj, ĉar la praktiko ne akceptas ilin kaj ties konatigo al la kursanoj ne nur ne estas necesa, sed estas rekte malutila.

La dirita pri la gramatikaĵoj validas ankaŭ pri la vortoj. Oni ne devas ŝarĝi la lernantojn per multaj novaj vortradikoj. 15–20 vortoj en duhora leciono estas sufiĉa kvanto. En la elementa kurso ne necesas, ke oni malkovru la tutan enhavon de la vortoj, ĉiujn iliajn signifojn. Sufiĉas la baza signifo aŭ la konkreta, kiun la vorto havas en la leciono. 400–500 vortradikoj por unu kurso tute ne estas malgranda kvanto. Konsiderante la Esperantan vortfaradon, tio egalas al kelkmiloj da vortoj. Tion oni ne povas atingi en unujara instruado de nacia fremda lingvo. En ĉiu okazo ĝi prezentas solidan bazon por plua konkero de lingvoscioj, ĉu en daŭrigaj kursoj, ĉu aŭtodidakte. Kaj la celo de la elementa kurso ja devas esti tia. *(Daŭrigota)*

4. 25. 6. – 9. 7. Sofia – Pisanica – Plovdiv – Burgas – V. Tirnovo – Sofia

N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario – 76**
Nro. EPL-21

OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

5. 2. 7. – 16. 7. Warszawa – Sofia – Pisanica – Plovdiv – Burgas – V. Tirnovo – Sofia – Warszawa

N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario – 76**
Nro. 63, 64

OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

6. 9. 7. – 23. 7. Warszawa – Sofia – Pisanica – Plovdiv – Burgas – V. Tirnovo – Sofia – Warszawa

N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario – 76**
Nro. 65, 66

OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

7. 16. 7. – 30. 7. Warszawa – Sofia – Pisanica – Plovdiv – Burgas – V. Tirnovo – Sofia – Warszawa

Nro. EB 67, 68

OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

8. 23. 7. – 6. 8. Warszawa – Sofia – Pisanica – Plovdiv – Burgas – V. Tirnovo – Sofia – Warszawa

N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario – 76**
Nro. EB 69, 70

OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

9. 30. 7 – 13. 8. Warszawa – Sofia – Pisanica – Plovdiv – Burgas – V. Tirnovo – Sofia – Warszawa

N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario – 76**
Nro. EB 71, 72

OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

10. 6. 8 – 20. 8. Warszawa – Sofia – Pisanica – Plovdiv – Burgas – V. Tirnovo – Sofia – Warszawa

N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario – 76**
Nro. EB 73, 74

OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

11. 13. 8. – 27. 8. Warszawa – Sofia – Pisanica – Plovdiv – Burgas – V. Tirnovo – Sofia – Warszawa

N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario – 76**
Nro. EB 75, 76

OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

12. 20. 8. – 3. 9. Warszawa – Sofia – Pisanica – Plovdiv – Burgas – V. Tirnovo – Sofia – Warszawa

N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario – 76**
Nro. EB 77, 78

OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

13. 27. 8. — 10. 9. Warszawa — Sofia — Pisanica — Plovdiv — Burgas — V. Tirnovo — Sofia — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario — 76**
Nro. EB 79, 80
OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

14. 3. 9. — 10. 9. Warszawa — Sofia — Pisanica — Plovdiv — Burgas — V. Tirnovo — Sofia — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario — 76**
Nro. EB 81, 82
OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

15. 10. 9. — 24. 9. Warszawa — Sofia — Pisanica — Plovdiv — Burgas — V. Tirnovo — Sofia — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario — 76**
Nro. EB 83, 84
OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

16. 17. 9. — 24. 9. Pamporovo
N. **Ora Esperanto Feriado**
OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan

17. 17. 9. — 1. 10. Warszawa — Sofia — Pisanica — Plovdiv — Burgas — V. Tirnovo — Sofia — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario — 76**
Nro. EB 85, 86
OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

18. 24. 9. — 1. 10. Pamporovo
N. **Ora Esperanto Feriado**
OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan

19. 24. 9. — 8. 10. Warszawa — Sofia — Pisanica — Plovdiv — Burgas — V. Tirnovo — Sofia — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario — 76**
Nro. EB 87, 88
OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

20. 1. 10. — 15. 10. Warszawa — Sofia — Pisanica — Plovdiv — Burgas — V. Tirnovo — Sofia — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Bulgario — 76**
Nro. EB 89, 90
OK: DK de BEA, Pk. 30, Smoljan kaj Juventur, Bydgoszcz/Pollando

**CSSR**

21. 6. 2. — 8. 2. Altaj Tatroj
N. **VERAT — 76**
OK: AESSR, Esperanto-Klubo, Koŝice, Rooseveltova 5

22. 16. 4. — -4. 4. Bratislava — Trenĉin
N: **Festivalo de Esperanto Popmuziko**
OK: AESSR, CS-9901 Bratislava 1 , P.K. D-10

23. 25. 4. — 27. 4. Altaj Tatroj
N: **PERAT — 76**
OK: AESSR, Esperanto-Klubo, Koŝice, Rooseveltova 5

24. 9. 8. — 22. 8. Opatka, c. Košice
N: **SELKO — 76 — Somera Esperanto-Lernejo**
OK: AESSR, Esperanto-Klubo, Košice, Rooseveltova 5

25. 23. 8. — 29. 8. Slovaka Paradizo
N: **DUSE — 76**
OK: AESSR, Esperanto-Klubo, Košice, Rooseveltova 5

**Hungario**

26. 7. 5. — 9. 5. Budapest, Montaro Borzsony
N: **Zamenhof Internacia Pacmarŝo**
OK: BTK de HEA, H-1443 Budapest, PK 153

27. 4. 7. — 10. 7. Gyula
N: **14a Somera Esperanto Universitato**
OK: TIT, 5600 Gyula, 48as ter 11

28. 10. 7. — 20. 7. Budapest — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz — Budapest
N: **Internacia Buslinio „Esperanto"**, Nro. EHP-1
OK: BTK de HEA, H-1443 Budapest, PK 153

29. 17. 7. — 26. 7. Abaliget — Pecs
N: **9a Internacia Renkontiĝo Naturamika**
OK: HEA Teritoria Komitato, H-7601 Pecs-1, Pf. 2

30. 17. 7. — 27. 7. Budapest — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz — Budapest
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: BTK de HEA, H-1443 Budapest, PK 153

31. 24. 7 — 3. 8. Budapest — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz — Budapest
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: BTK de HEA, H-1443 Budapest, PK 153.

32. 31. 7. — 10. 8. Budapest — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz — Budapest
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: BTK de HEA, H-1443 Budapest, PK 153

33. 7. 8. — 17. 8. Budapest — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz — Budapest
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: BTK de HEA, H-1443 Budapest, PK 153

34. 17. 8. — 22. 8. Budapest — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz — Budapest
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: BTK de HEA, H-1443 Budapest, PK 153

35. 28. 12. 1976 – 2. 1. 1977 Budapest
N: **6a Vintra Esperanto-Feriado (VEF)**
OK: BTK de HEA, H-1443 Budapest, PK 153

**Pollando**

36. 25. 1. – 1. 2. Znin
N: **1a Esperanto Semajno por Popollernejanoj en Pollando – 76**
OK: Juventur, str. Jagielonska 12, Pl-85-067 Bydgoszcz

37. 1. 2. – 8. 2. Chelmica ĉ. Wloclawek
N: **9a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando – 76, JA**
OK: Juventur

38. 8. 2. – 15. 2. Chelmica ĉ. Wloclawek
N: **10a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando – 76, JA**
OK: Juventur

39. 26. 4. – 2. 5. Zbaszyn ĉ. Poznan
N: **7a Esperanto-Printempo**
OK: PEA ĉe Borys Wierzejechski, str. Klonowicza 6/5, PL-60747 Poznan

40. 21. 5. – 4. 6. Wladyslawowo ĉe Balta Maro
N: **1a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando – 76**
OK: Juventur

41. 4. 6. – 18. 6. Wladyslawowo ĉe Balta Maro
N: **2a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando – 76**
OK: Juventur

42. 10. 6. – 17. 6. Tuczno ĉ. Inowroclaw, JA – nur 11 – 15 j.
N: **3a Esperanto-Semajno por Popollernejanoj en Pollando – 76**
OK: Juventur

43. 17. 6. – 24. 6. Swiecie, JA – nur 11 – 15 j.
N: **4a Esperanto-Semajno por Popollernejanoj en Pollando – 76**
OK: Juventur

44. 18. 6. – 2. 7. Wladyslawowo ĉe Balta Maro
N: **3a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando – 76**
OK: Juventur

45. 28. 6. – 5. 7. Funka ĉe Chojnice
N: **16a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando – 76**
OK: Juventur

46. 2. 7. – 16. 7. Warszawa – Lodz – Torun – Funka – Gdansk – Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Pollando – 76**
OK: Juventur

47. 2. 7. — 16. 7. Wladyslawowo ĉe Balta Maro
N: **4a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

48. 5. 7. — 11. 7. Bydgoszcz — Budapest — Balaton — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: Juventur

49. 5. 7. — 12. 7. Funka ĉ. Chojnice
N: **17a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

50. 9. 7. — 23. 7. Warszawa — Lodz — Torun — Funka — Gdansk — Warszawa
N: **Internacia Buslinio Esperanto en Pollando — 76**
OK: Juventur

51. 12. 7. — 19. 7. Tlen ĉ. Tuchola
N: **18a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

52. 12. 7. — 18. 7. Bydgoszcz — Budapest — Balaton — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: Juventur

53. 16. 7. — 30. 7. Warszawa — Lodz — Torun — Funka — Gdansk — Malbork — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Polland — 76**
OK: Juventur

54. 16. 7. — 30. 7. Wladyslawowo ĉe Balta Maro
N: **3a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

55. 19. 7. — 26. 7. Tlen ĉ. Tuchola
N: **19a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

56. 19. 7. — 25. 7. Bydgoszcz — Budapest — Balaton — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: Juventur

57. 23. 7. — 6. 8. Warszawa — Lodz — Torun — Bydgoszcz — Gdansk — Malbork — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Pollando — 76**
OK: Juventur

58. 26. 7. — 1. 8. Bydgoszcz — Budapest — Balaton — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: Juventur

59. 26. 7. — 2. 8. Bydgoszcz
N: **20a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

60. 30. 7. — 13. 8. Wladyslawowo ĉe Balta Maro
N: **6a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

61. 30. 7. — 13. 8. Warszawa — Lodz — Chelmica — Torun — Gdansk — Malbork — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Pollando — 76**
OK: Juventur

62. 2. 8. — 8. 8. Bydgoszcz — Budapest — Balaton — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: Juventur

63. 6. 8. — 20. 8. Warszawa — Lodz — Chelmica — Torun — Gdansk — Malbork — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Pollando — 76**
OK: Juventur

64. 9. 8. — 15. 8. Bydgoszcz — Budapest — Balaton — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz
N: **Internacia Buslinio Esperanto**
OK: Juventur

65. 9. 8. — 16. 8. Chelmica ĉ. Wloclawek
N: **13a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

66. 13. 8. — 27. 8. Wladyslawowo ĉe Balta Maro
N: **7a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

67. 13. 8. — 27. 8. Warszawa — Lodz — Chelmica — Torun — Gdansk — Malbork — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Pollando — 76**
OK: Juventur

68. 16. 8. — 23. 8. Chelmica ĉ. Wloclawek
N: **13a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

69. 20. 8. — 3. 9. Warszawa — Lods — Chelmica — Torun — Gdansk — Malbork — Warszawa
OK: Juventur
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Pollando — 76**

70. 23. 8. — 30. 8. Chelmica ĉ. Wloclawek
N: **14a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

71. 27. 8. — 10. 9. Warszawa — Lodz — Chelmica — Torun — Gdansk — Malbork — Warszawa
N: **Internacia Aviadil-Buslinio Esperanto en Pollando — 76**
OK: Juventur

72. 27. 8. — 10. 9. Wladyslawowo ĉe Balta Maro
N: **8a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

73. 30. 8. — 6. 9. Chelmica ĉ. Wloclawek
N: **15a Internacia Esperanto-Feriado en Pollando — 76**
OK: Juventur

74. 6. 9. — 19. 9. Miedzygorce
N: **12a Internacia Esperanto-Feriado — Ora Pola Aŭtuno**
OK: Vojevodia Filio de PEA, str. Dubois 3, PL-50952 Wroclaw

*Komence de 1976 aperos korektita kaj pliampleksigita eldono de tiu-ĉi listo.*

# I-a Esperanto feriado en GDR

En la bone ekipita internacia kampadejo „Intercamping" rekte ĉe Berlin (GDR) en lagoriĉa kaj arbarplena regiono, okazos la I-a Esperanto-feriado de la 5a ĝis la 18a de septembro 1976. La kampadejo troviĝas rekte ĉe lago (Krossin-lago). Ekzistas eblo por luado boatoj, naĝiloj kaj aliaj sportiloj. En tiu-ĉi ideala kampadejo oni povas komforte ripozi, banadi, ekskursi, kunesti kun esperantistoj kaj konatiĝi kun la vidindaĵoj de la ĉefurbo de Germana Demokratia Respubliko, kiu estas atingebla de la kampadejo per buso, ŝipo, interkvartalaj trajnoj. Sur la kampadejo ekzistas vendejo, bona gastejo, duŝiloj, komunuzebla kuirejo, klubĉambroj k. t. p.

La esperantistoj de Berlin zorgos por riĉa kaj varia programo, organizos prelegojn, seminariojn, filmprezentadojn, ekskursojn, distrajn aranĝojn k. t. p. Estas antaŭvidita la organizado de kursoj por 3 gradoj.

Tamen oni notu, ke la organiza flanko de la partopreno plene kuŝas en la manoj de „Intercamping" mem, kiu disponigas al la esperantistoj favorajn teknikajn kondiĉojn.

La prezoj por tranokto estas-

1. Propra tendo po persono 3 markoj
2. Aldone por propra aŭtomobilo potage 1 marko
3. 4-lita kabano (limigita nombro da lokoj) aŭ 3—4 lita moderne ekipita tendo po persono 8 markoj
4. Feria domo (3-lita ĉambro) por ĉambro 45 markoj

Por GDR-anoj, studentoj kaj pensiuloj validas aliaj kategorioj de prezoj.

Ĝenerale oni devas mem zorgi por ĉiutaga nutrado, sed la esperantista preparkomitato esploros la eblecojn de kolektivaj manĝoj en proksima restoracio.

Interesitaj esperantistoj sin anoncu ĉe Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, 108 Berlin, Charlottenstraße 60. La limdato estas 1a de julio 1976. La partoprenantoj devas havigi al si la necesajn pasportojn, vizojn, la valutojn laŭ la internacie validaj kondiĉoj. Pagado de la kotizo por tranoktado nur surloke.

Informiloj pri la I-a EFo kaj aliĝiloj riceveblaj ĉe Centra Laborrondo. Centra Laborrondo tamen ne okupiĝos pri pasportaj problemoj kaj nur donas petitajn informojn. La nombro de la alveturontaj esperantistoj kun propraj tendoj estas nelimigita (ĝis la 1a de julio 1976).

---

**Ni danke ricevis por la arkivo:**

R. Zimmer, K. O. Schmidt: Manifesto de la Paco, trad. A. Mosŭ, Stuttgart 1975, 60 p. Eseetaro pri problemoj de la paca kunvivo de la homaro.

L. Solovjov

Anekdotoj pri

# Ĥoĝa Nasriddin Afandi

*Tradukis Petro Poliŝĉuk, Taŝkent*

**La poemoj de la padiŝaho**

La padiŝaho alvokis iufoje Nasriddinon Afandi en la palacon kaj diris: „Mi verkis poemon. Tralegu ĝin kaj diru al mi vian opinion pri ĝi“. Traleginte la poemon, Afandi diris: „Ĉu ĝi estas poemo? Ĝi nenion komunan havas kun la poezio!“ La ekkoleriĝinta reganto tuj ordonis, ke oni fermu Afandi en la malpuran ĉevalejon por tri tagnoktoj.

Trapasis kelke da monatoj kaj denove la reganto vokas Nasriddinon kaj donas al li tralegi sian novan poemon. Traleginte la novan poemon kaj redoninte ĝin al la padiŝaho, Afandi nenion dirante sin turnis kaj ekpaŝis direkte al la elirpordo de la palaco. „Kien, do, vi, Afandi?“, ekkriis la padiŝaho. „Mi iras en la ĉevalejon, via reĝa moŝto“, respondis la saĝulo.

**Kien malaperis la kato?**

Unufoje, aĉetinte tri funtojn da ŝafa viando, Nasriddin Afandi alportis ĝin hejmen kaj petis sian edzinon, ke ŝi kuiru bongustan supon. Ordoninte, li foriris al la „ĉojĥona“ (tetrinkejo), iomete interbabili kun siaj amikoj.

Sed la edzino ne obeis la ordonon de la edzo kaj forportis la tutan viandon al siaj gepatroj. Rapide reveninte, ŝi kuiris senviandan supon kun nudeloj kaj eksidis atendante sian edzon.

Post sufiĉe longa tempo venis laciĝinta kaj malsata Afandi. „Nu, edzineto, — ekkriis li, — ĉu jam estas preta la supo? „Miaj intestoj estas tute malplenaj. Alportu, do!“ La edzino starigis antaŭ li pelveton da nudela, tute sengrasa kaj senvianda, supo.

„Hm-m-m-m-m“, ekmiris Afandi, „sed kie estas la bongusta vianda supo?“ La edzino komencis plori kaj ŝiri siajn harojn. „Ho, ve, al mi!“ — ekkriis la edzino, — dum mi knedis la farunan paston, la malbenita kato ŝtelis la viandon. Do, mi estis devigita kuiri senviandan kaj nudelan supon“.

Afandi, kaptinte la apude sidantan, katon, pesis ĝin. Ĝia pezo estis precize tri funtoj.

„Edzineto mia kara, ĉu jam delonge la kato formanĝis la viandon?“, demandis Afandi. „Mi opinias, ke jam pasis unu horo de tiu tempo“, respondis la edzino. „Vi pravas, mia kara, la kataĉo formanĝis tri funtojn da viando. Sed mi ne povas kompreni kien malaperis la kato mem?“

**La fino de la mondo**

Iamaniere eksciis la amikoj de Nasriddin Afandi, ke li konservas por la festo, bone nutritan virŝafon. Do, ili venis en la hejmon de Afandi kaj diris: „Aŭskultu, ho, estimata amiko, ĉu vi scias, ke morgaŭ pereos la mondo?“. „Ne, mi pri tio ne aŭdis“, respondis mirigita Afandi. „Jen-jen, morgaŭ okazos la fino de la mondo kaj via virŝafo senutile pereos!“. „Ho, se estas tiel, do, por kio konservi la virŝafon?“, diris Afandi kaj helpe de siaj amikoj li buĉis la virŝafon, majstre senfeligis ĝin kaj komencis rosti la viandon.

La tago estis varmega kaj la gastoj, lasinte siajn suprajn vestojn ĉe la fajrujo, iris al la proksima rivereto

# Rezolucio

Dum la anoj de la socialisma ŝtataro kaj ĉiuj progresemaj homoj senlace klopodas por paco, sekureco kaj malstreĉiĝo, dum la Eŭropa sekureckonferenco atingis siajn grandiozajn rezultojn, al ni tamen aŭdiĝas ankoraŭ la sciigo pri la furiozado de la faŝisma teroro. La Pinochet-Junto de Ĉilio vadas en sango, kaŭzas mizeron kaj maljustecon al la brava Andenpopolo. La faŝisma reĝimo en Hispanio provas eviti turniĝon al demokratio per murda kaj pundoma teroro.
Tiuj faktoj estas nekunligeblaj kun la altaj idealoj de la Esperantomovado: batali por paco, amikeco kaj interkompreniĝo de la homaro.
Ni — la partoprenantoj de la esperantista distrikta konferenco en Halle, la membroj de Kulturligo de GDR — pro tiu kaŭzo protestas kun abomeno kaj indigno kontraŭ la persekutado, enkarcerigado kaj murdado de sinceraj patriotoj. Ni certigas al ĉiuj progresemaj kaj demokratiaj fortoj nian aktivan subtenon, ankaŭ per la eblecoj de nia internacia lingvo Esperanto. Ni postulas liberecon kaj demokration por Ĉilio kaj Hispanio! Ĉesigu la faŝisman teroron!
Niaj koro kaj solidareco apartenas al ĉiuj persekutataj kaj enkarcerigitaj komunistoj kaj socialistoj, pacamikoj kaj demokratoj!
Niaj koro kaj solidareco apartenas al ĉiuj popoloj kaj homoj de la mondo, kiuj batalas por libereco, demokratio kaj socia progreso!

*Halle, 13. Dezember 1975*

*La partoprenantoj de la konferenco de Distrikta-Laborrondo Esperanto Halle ĉe Kulturligo de GDR*

**Distrikta renkontiĝo en Halle**

La nove starigita Distrikta Laborrondo en Halle sub prezidanteco de Siegfried Linke tre energie kaj sukcese klopodas pri reorganizado kaj reaktivado de la esperantista agado.

La 13. 12. 1975 pli ol 60 geesperantistoj partoprenis distriktan renkontiĝon. Ĝin ankaŭ partoprenis la sekretario de CLR, Detlev Blanke, kiu prezentis kelkajn aktualajn problemojn de la internacia kaj nacia agado de la esperantistoj kaj skizis la perspektivon de la internacia lingvo. Bonefika estis la prezento de klare sinkronigita kaj kortuŝa dokumenta filmo esperantlingva el USSR prezentanta la venkon super la faŝismo. Sumo de pli ol 100 markoj estis kolektita kaj asignita al la solidara konto. La kunsido akceptis rezolucion (vidu supre).

---

(resto de paĝo 17)

por sin refreŝigi. Kiam ili revenis, ili ekvidis, ke malaperis iliaj vestoj. „Hej, Afandi, bonvolu diri al ni, kien malaperis niaj vestoj?“ „Mi bruligis ilin“, respondis Afandi. „Ho, ve, al ni, kion ni nun faros?“, ekkriegis la amikoj de la saĝulo. „Ĉu bedaŭri pri la vestoj, se morgaŭ la mondo pereos?“, trankviligis ilin Afandi.

**Jam plenumita postulo**

En televida interparolo de 5. 12. 75 (portreto telefone) la kapelmajstro de Gewandhaus en Leipzig, Prof. Kurt Masur, postulis lingvon internacie komprenatan. Espereble la eminenta muzikisto intertempe eksciis pri la ekzisto de Esperanto.

# INFORMOJ



*Ĉiujare la sovetaj junaj esperantistoj okazigas tendarojn. Jen foto pri la partoprenantoj de la 17a Sovetunia Esperantista Junulara Tendaro (SEJT), kiu okazis de 4.–18. aŭgusto 1975 en Kazaĥio.*

**Terminologia Centro de SEJM**

Dum la 17a Sovetunia Esperantista Junulara Tendaro (SEJT 17), kiun organizis Sovetunia Esperantista Junulara-Movado en 1975, estis fondita Terminologia Centro ĉe la Scienca-Teknika fako de SEJM. Gvidanto de la TC elektiĝis s-ro Aleksandr Kogan (187 500 Tiĥvin, abonkesto No 2, Esperanto-Klubo), kiu tre deziras fakan kunlaboron kun GDR-anoj. La unua paŝo de la TC-agado estas ruslingvigo de „Technisches Wörterbuch“ de R. Haferkorn. Aliĝis al TC kunlaborantoj el 20 urboj de Soveta Unio.

**Filmo el Sovetunio**

Centra Laborrondo kun danko ricevis dokumentan filmon lige al la liberigo de la popoloj de Eŭropo el sub la faŝisma teroro. La 30-minuta filmo estas klare sinkronigita (multe pli bone ol la aliaj jam ekzistantaj sovetaj filmoj) kaj prezentas per originalaj filmdokumentoj (nigraj-blankaj) la preparon de la dua mondmilito, la atakojn de la faŝisma Germanio kaj la heroajn defendojn de la soveta armeo. Ĝi plue montras la liberigon de multaj eŭropaj landoj pere de la soveta armeo kaj finas ĉe la Internacia Kongreso de la Pacamaj Fortoj 1973 en Moskvo. La filmo, 16 mm, lumsono, estas luebla ĉe CLR.

**Muzo – 75 pri Cirlionis**

La 3an kaj 4an de oktobro 1975 okazis literatura aŭtuno „Muzo – 75“ en Litovio, kelkajn kilometrojn apud Vilnius apud la lago Gulbinai.

La renkontiĝo estis dediĉita al la 100-jara jubileo de la fama litova pentristo, muzikisto kaj filozofo Cirlionis Mikalojus Konstantinas (1875–1911).

La muz-anoj aŭskultis la prezentadon de deklamaĵoj, rakontaĵoj, kantoj kaj interpretaĵoj. Rigora ĵurio poentigis ĉiun elpaŝon kaj aljuĝis la ĉefan premion, bareliefon de L. L. Zamenhof kaj ilustraĵojn de M. K. Cirlionis al V. Samodaj el Moskvo.

I. a. ankaŭ estis pridiskutita la artikolo „Pri la plago de sekteco“ de Detlev Blanke (kp. „der esperantist“ n-ro 71, paĝoj 19–20) kaj alte taksita.

Dum Muzo – 75 oni fondis tradukistan centron en Litovio sub la gvido de la junulara Esperanto-Klubo „Juneco“ (Vilnius). La renkontiĝon partoprenis 35 esperantistoj el 14 urboj, reprezentantoj de Litovio, Latvio, Estonio, Belorusio, Ukrainio, Uzbekio kaj Rusio.

*(Laŭ raporto de A. Kogan, Tiĥvin)*

# INFORMOJ

**Unika televida kurso de Esperanto en Slovakio**

En Socialisma Slovaka Respubliko de ĈSSR la 13an de oktobro 1975 komencis aperi sur la televida ekrano la longe atendita televida Esperanto-kurso. Verŝajne post la nederlanda televida kurso ĝi estas entute la dua en la mondo. La aŭtoro de la kurso estas la konata slovaka aganto, prezidanto de la Asocio de Esperantistoj de Slovaka Socialisma Respubliko (AESSR), Pavel Rosa. En la televida kurso, kiu estas emisiata en la dua programo je 21,25 horo ĉiu-merkrede, ludas profesiaj aktoroj. La kurso konsistas el 17duonhoraj lecionoj kaj estas surbendigita je 35 mm larĝa bendo.

**(Seit dem 13. Oktober 1975 wird vom slowakischen Fernsehen ein 17teiliger Fernsehkurs zum Erlernen des Esperanto ausgestrahlt.**

**Nach einem vor 3 Jahren gesendeten holländischen Kursus ist dieser slowakische der zweite Fernsehkurs in der Geschichte des Esperanto.)**

(Laŭ „Starto", organo de ĈEA, 6/1975)

**Unua oficiala kunsido**

Unuafoje reprezentantoj de la prezidantaroj de Ĉeĥa Esperanto-Asocio kaj de Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR havis oficialan renkontiĝon por trakti problemojn de la evoluigo de la duflanka kunlaboro.

Vizitis GDR la prezidanto de ĈEA, Josef Vitek, la ĝenerala sekretario Zdeněk Křimsky kaj la kunlaborantino de la asocia sekretariejo Věra Kvasničkova. Ili restadis de 27.—30. novembro 1975 en Dresden.

La tre intensivaj duflankaj interparoloj montris plenan kongruon rilate al la prijuĝo de la internacia Esperanto-movado kaj la eblecojn de estonta fruktodona kunlaboro.

**En Havliĉkův Brod**

Okaze de solena festotago de ĉeĥoslovakaj fervojistoj (26. 9. 1975) la uzina klubo de ĈSD en Havliĉkův Brod (ĈSSR) invitis eksterlandajn gastojn por partopreno. Konata jam de koncertoj en Mělnik, Praha kaj Usti im estis invitita denove prezenti mian akordeon-solo-programon dum tiu aranĝo por neesperantistoj.

Do, post la solena referaĵo kaj la distingo de merituloj en granda salono de fervoja kulturdomo sekvis mia programo, sekvita de amatoraj prezentadoj de aliaj kulturgrupoj. La tuta aranĝo, la internacia etoso kaj la traduko de niaj Esperantlingvaj salutvortoj kaj prezentitaj muzikverkoj subtenis en plej bona maniero la efikan amikecan aranĝon de la Uzinaklubo-Esp-ista en Havliĉkův Brod.

Kiel danko al la gastoj, ni povis post la solena festo ĝui du tagojn de interesaj ekskursoj al Lipnice, Humpolec, Želiv, Telĉ kaj Jihlava, kie ĉiam gvidis nin spertaj samideanoj. La prelegon, kiun mi prezentis ĉijare en SEU en Gyula, mi povis tie ripeti en urba salono, kie ankaŭ partoprenis oficiale invititaj gastoj (neesperantistoj). Krom interesaj diskutoj kun muzikfakuloj (pere de Esp.-tradukanto) ni ĝuis la restantajn horojn en amikeca Esp-a medio.

Mi fine ne volas forgesi, ke tiun bonsukcesan aranĝon ni ĉefe dankas al la fervoraj Esp-istoj en Havl. Brod, kiuj ekzemplodone kaj progreseme agadas.

*R Deke, Dresden*

# INFORMOJ



**Forpasis Jan Zawada**

En Varsovio forpasis la 15. 10. 1975 la konata pola Esperanto-pioniro kaj socia aganto Jan Zawada en la aĝo de 84 jaroj. Li estis antaŭ la milito ĉefa gvidanto de la klasbatala Esperanto-Societo „Laboro“ en Pollando kaj la aŭtoro de vortaro Esperanto-pola. Post la milito Jan Zawada estis ministro por kooperativoj, pri kiu li ankaŭ en la kadro de la laborista Esperanto-movado ĝis 1933 jam okupiĝis. Jan Zawada estis portanto de altaj ŝtataj distingoj kaj intime ligita al la progreso de Esperanto en Pollando. Honoron al la mortinto. CLR

**Jarprotokolo PEA – CLR**

La ĝenerala sekretario de Pola Esperanto-Asocio, Boleslaw Staszczak, restadis la 6an kaj 7an de decembro 1975 en Berlin kaj pritraktis kun membroj de la prezidiumo de CLR la protokolon pri kunlaboro inter PEA kaj CLR por 1976.

**Interdistrikta renkontiĝo en Magdeburg**

La 5-an de oktobro 1975 okazis en Magdeburg renkontiĝo de esperantistoj el la distrikto Magdeburg kun ligoamikoj el la najbaraj distriktoj Potsdam kaj Halle, kiun partoprenis 31 personoj. Antaŭtagmeze la ligoamikoj Dungert kaj Trenne parolis pri sia vojaĝo al la ĝemela urbo Ŝumen, kie ili partoprenis dum majo la festenon okaze de la 70-a datreveno de la fondiĝo de la tiea Esperantosocieto „Vekiĝo“, kun kiu ni havas amikajn interrilatojn, kaj montris lumbildojn pri Sofio, Rila-monaĥejo kaj la distrikto Ŝumen. Post tio nia prezidanto de CLR, Rudi Graetz, montris lumbildojn pri la UK en Kopenhago. Sekvis mallonga urborigardado per minibuso ĝis la pitoreska gastejo „Ĉasista kabano“ en la kulturparko, kie ni tagmanĝis. Post urborigardo el la birdoperspektivo de la 60 m alta rigarda turo ni migris tra la bela kulturparko al nia posttagmeza kunvenejo. Tie ligoamiko Graetz raportis detale pri la kongreso en Kopenhago. Poste sekvis vigla diskuto pri tio, pri la vivo en la grupoj kaj ĉefe pri varbado de novaj membroj. La aranĝo finiĝis per komuna vespermanĝo.

*D. Dungert*

**Aŭtostop**

Ekde 1958 en Pollando funkcias organizita aŭtostopo (petveturado). Dank'al ĝi la pola junularo povas malmultekoste vojaĝi tra sia patrio. En kelkaj lastaj jaroj la pola aŭtostopo vekis seriozan intereson eksterlande.

Ĉi-jare la Socia Komitato de Aŭtostopo eldonis du informbroŝurojn, en kiuj troviĝas respondoj al la plej ofte starigataj demandoj, ekz. kiel alilandanoj povas aliĝi al la aŭtostopo. La broŝurojn oni eldonis en ses lingvoj, i. a. en Esperanto.

La esperanta versio de ambaŭ informiloj, realiĝis dank' al klopodoj de la Varsovia Komitato de Studentoj-Esperantistoj. La broŝuroj estas dissendataj de la Socia Komitato de Aŭtostopo, ul. Narbutta 27 A, 02-536 Warszawa, Pollando.

# INFORMOJ

### Amika renkontiĝo

Ofte nia esperantista societo „Sukceso" estas vizitata de fremdlandaj gastoj. Nun Alfred Kraushaar — ĵournalisto el Berlino — GDR, kiu estis gasto de nia samideano Ivan Manĉev, vizitis nian regulan ĉiuĵaŭdan rondon. Li parolis pri la Esperanta movado en Berlino. R. Triĉkov rakontis pri la Esperanta movado en Bulgario. La direktoro de la distrikta junulara domo raportis pri la agado de la domo, deklaris nian gaston honora membro de la Esperanta klubo ĉe la Distrikta junulara domo kaj enmanigis al li specialan medalon kaj flagon.

Dum unu semajno nia germana amiko vizitis ĉiujn rimarkindaĵojn de Vraca kaj de la ĉirkaŭo.

*Enjo Daskalov*

### Velingrado

Verdaj flagoj, afiŝoj kaj fanfara komsomola muziko en la bulgara urbo invitis la urbanojn al la festado de la 50a datreveno de la fondiĝo de la Esperanto-grupo Velingrado. Inaŭguris la iama fondinto, la nelacigebla aktivulo Manol Ĉolev. Al la ora jubileo gratulis nekredeble multaj delegitoj el la tuta lando kaj reprezentantoj el Ĉeĥoslovakio, GDR, Hungario, Pollando kaj Sovetunio, kiuj partoprenis ĉe la tiea unua Esperanto-feriado.

Estas sciinde, ke la urbo estas nomita laŭ la esperantistino Vela Peeva, kiu kiel 22jara partizanino estis mortigita de la faŝistoj. Pro sia heroa estinteco kaj pro sia bela situo en la Rodopo-montaro (kun multefikaj mineralaj akvoj) Velingrado plenumas ĉiujn kondiĉojn fariĝi la pilgrimloko de Esperantujo.

*Laŭ Ino Kolbe, Leipzig*

### „Trigroŝa romano" de B. Brecht aperos en Esperanto

Post la granda kaj ŝajne senprecedenca sukceso de la romano „Nuda inter lupoj" de Bruno Apitz, tradukita de D-ro Karl Schulze, Berlin, kiu aperis en 8000 ekzempleroj ĉe la internacie renoma eldonejo Edition Leipzig, la eldonejo decidis, ankaŭ aperigi la „Trigroŝan romanon" de Bertolt Brecht. La esperantigo denove estas farita de d-ro K. Schulze. La prilingvan trarigardon prizorgas la konata pola stilisto kaj radio-ĵurnalisto Jerzy Grum.

### Jugendseminar in Bad Saarow

Vom 12.—15. April 1976, also unmittelbar vor Ostern, führt die Jugendkommission des Zentralen Arbeitskreises Esperanto ihr zweites zentrales Seminar im Schulungsheim und Gästehaus des Kulturbundes der DDR in Bad Saarow durch.
Anmeldungen in Abstimmung mit dem Bezirksarbeitskreis sind umgehend an den Zentralen Arbeitskreis zu richten.

### Glaubitz 700 jara

En la kadro de la 700-jara festivalo de la komunumo Glaubitz ĉe Riesa ankaŭ la esperantistoj trovis honoran lokon pro ilia modela agado. Entute partoprenis preskaŭ 40 esperantistoj kun sloganoj la festan marŝon.

### Korekto

En „der esperantist" 73/74 (5/6 1975) p. 20 korektu ĉe la nova estraro de la Junulara Komisiono ke Gabriele Müller ankaŭ estas vicprezidantino.

### Gratulojn

al Reinhold Gallien, Riesa, kiu festis la 6. 1. 1976 sian 70-an naskiĝtagon kaj jam pli ol 50 jarojn aktivadas por Esperanto.

## En grava rumana revuo

*Ni ricevis interesan artikolon de Dorin Cosma, estro de la esperantologia rondo en la universitato de Timisoara (Rumanio), kiu informas pri grava atingo en Rumanio. Ni citas:* „En la plej prestiĝa kaj vastinflua kulturrevuo „Contemporanul" (La nuntempulo), organo de Kulturministerio, aperis en la n-ro 31 (1499) de 1. aŭgusto 1975 ampleksa artikolo pri la internacia lingvo (Esperanto) de universitata profesoro d-ro Ignat Fl. Bociort (legu: Boĉórt), estetikisto kaj kulturteoriulo, fakestro por kulturteorio en la Universitato de Timisoara.

Ĉi tiu artikolo estas en la rumana kulturscienco la unua aŭtoritata kaj kompetenta sinteno rilate al la interlingvistikaj problemoj post kelkaj jardekoj kiam oni aŭ nenion parolis pri ĉi-tiu ideo, aŭ oni faris diversspecajn asertojn suprajajn aŭ eĉ falsajn, kiuj kontribuis al la disvastigo de konfuzoj en la komprenmaniero de l'problemo. Same, ĝis la apero de tiu-ĉi artikolo estis en la gazetaro tre malriĉaj la informoj pri la multflanka teoria kaj praktika agado, kiu disvolviĝas hodiaŭ sur la kampo de internacia lingvo en multaj landoj. La nuna stato de la movado estis tiel ignorita, ke oni ĝenerale kredis en diversaj rondoj, ke la ideo de la internacia lingvo estis jam eksmoda aŭ eĉ morta."

Poste D. Cosma informas detale pri la enhavo de la artikolego, kion oni povas resumi jene: Prof. Bociort informas pri la stato de la internacia Esperanto-movado, diskutas la problemon de „artefariteco" kaj speciale substrekas la socian efikon de Esperanto en la internaciaj rilatoj (lingva diskriminacio k. t. p.). Krome la aŭtoro rezentas la strukturon de la lingvo kaj pledas por ties scienca esploro (esperantologio) kaj interlingvistiko. Ĉe la fino de sia prezento D. Cosma substrekas: „La graveco kaj aktualeco de la problemo, la scienca kaj didaktika prestiĝo de profesoro Bociort kaj la prestiĝo de la revuo „Contemporanul" faris, ke la interveno de profesoro Bociort trovu larĝan eĥon en diversaj sociaj tavoloj en Rumanio.

---

## Aventuro de la lingvo

La ĉi-jara distrikta renkontiĝo de la esperantistoj de Berlin estis bona sukceso. La 15. 11. 1975 kolektiĝis pli ol 70 esperantistoj, i. a. ankaŭ gastoj el Potsdam, por priparoli aktualajn problemojn de la esperantista agado.

Ĉu ni estas preparitaj por realigi la multajn postulojn, kiujn oni en pli alta grado starigos post Helsinki al ni esperantistoj, estis unu el la diskutigaj temoj. Rita Krips, partopreninte, la 31an TEJO-kongreson en Fredericia/Danlando, rakontis lumbilde pri siaj impresoj.

Kulmino sendube estis la verve prezentita prelego de prof. d-ro Viktor Falkenhahn „La aventuro de la lingvo", en kiu la oratoro sukcesis vivigi la buntan mondon de la lingvoj. Pli ol 100 markoj povis esti kolektitaj por la solidara konto.

# KORESPONDDEZIROJ 31635

## Bulgario

Dimitr Stefanov, **Sâbev,** ul. Komsomolska 26, dez. kor. k. GDR-ano pri ĉ. t.

## Kanado

Instruisto, 42jara, dez. kor. kun esperantistoj el GDR pri lingvoj k. socialismo, T. James Brennan, 23 Kathrose Drive, **Willowdale,** Ontario M2J 3P4

## Italio

Fabio Vivoda, Via XXV Aprile, 4, I-34074 **Monfalcone - 60,** dez. kor. kun gesamideanoj el GDR pri lingvistiko, etnologio, muziko. Interŝ. pm, bk, revuoj, ĵurnaloj, libroj

## ČSSR

Helena Hrudková, Esp.-rondeto „Stelo" ĉe la Kultúrne a spol stredisko 96001 **Zvolen 1,** dez. kor., kol. bk., pm.

Gekomencantoj dez. kor. pri ĉ. t., bv. skribi al L. Ryznâr, **Svitavy,** Ant. Slavička 22. (kursgvidanto)

## GDR

Junulo, 18jara, dez kor. pri ĉ. t. kun geamikoj tutmonde, R. Köhler, 402 **Halle,** Südstraße 47

Otto Lauckner, 828 **Großenhain,** Robert-Blum-Straße 9, dez. kor. germanlingve k. Esperanto, interŝ. pm.

Inĝeniero Kurt Padel, 12 **Frankfurt/O.,** Alte Uni 14, dez. kor., kol. bk. (41jara)
Oskar Stolberg, 705 **Leipzig,** Erich-Ferl-Straße 78, serĉas de „Homo kaj Kosmo": n-roj 1/1965, 3 + 4/1967, 3 + 4/1970, 4/1971, kontraŭ alia Esp.-literaturo

Lernantino, 12jara, dez. kor. tutmonde, Bärbel Winguth, 195 **Neuruppin,** Rosa-Luxemburg-Straße 35

## Hungario

Konmencanto, 15jara, dez. kor., kol. bk., Tibor Gulyás, 6640 **Csongrád,** Placo Marx 16, 9/49
Lernantoj dez. kor. pri ĉ. t. prec. pri lingvoj: Mihály Kiss, 5700 **Gyula,** Szent Lászlo 1, Károly Hajdu, 5700 **Gyula,** Past ut. 1
Maria Marics, 1139 **Budapest XIII,** str. Teve 45/12, 37jara, serĉas korespondamikinon, ŝatas librojn, dancmuzikon, kol. pm., bk.
Kulturdomestro, 28jara, dez. kor. kun germ. fraŭlino. pri muziko, pentrarto, arkitekturo: Oszkár Princz, **H-9901 Körmend,** pf. 2
Lernanto, 14jara, dez. kor. kun germ. knabino pri sporto, astronomio, geografio, geologio, geofiziko, kol. pm, bk. Stefano Tarjani, 6100 **Kiskunfèlegyhàza,** Pf. 549

## Kubo

Roberto Guthrie Ruiz, Cocos 10 e/Pepe Antonio y Nazareno Guanabacoa n-ro 11, **La Habana,** dez. kor. pri sporto, politiko, lingvoj

## Pollando

Studentino, 20jara, dez. kor. tutmonde pri literaturo, mod. muziko, sporto, turismo, kino, teatro. Interŝ. pm, bk, mod.-revuojn, gramofon-diskojn, Maryla Czopek, **Kraków,** str. Limanowskiego 16/9
Komencanto dez. kor. kun germanaj esp., Tadeusz Grudniewski, ul. Sambora 2/3, 83-130 **Pelplin**

Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60. Fernruf: 2 20 29 91
Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke. Redaktionskommission: Otto Bäßler, Werner Pfennig, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. - Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
III-12-8 174